# Aŭstraliaj Esperantistoj

Novaĵa Letero de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 26/12/2011 Dudekunua Eldono 2011 26/12/2011 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "Hyperlinks"(**bluaj vortoj**) al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!


Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;


La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj




# Feliĉan Novjaron



Auld Lang Syne en Esperanto

Vortoj (klaku) Musiko (klaku)

Sakŝalmo (klaku)



Turo de Babelo. Ni scias la Solvon. Ĉiuj lingvistoj studu la saman duan helpan lingvon. Unu Mondo, Unu Dua Lingvo



**Ŝarkoj** (klaku) Bona Esperanta Parolo



## JO MO KANTAS

"la (Belegaj) Slavinoj" Slavinoj (klaku)

La Marusja Marusja (klaku)

El la Fronto de Gandesa (Klaku)

Feliĉan kristnaskon al vi ankaŭ Roger !
Brian Barker bribarker@hotmail.co.uk

Max Wearing Subjekto ADRESAROJ INFORMAD- LIMDATOJ

Bedaŭrindas, ke la publikado de AEA-ADRESAROJ ĉesis en 2003. Se oni rigardas la adresaron de tiu jaro, oni vidas ke inter 1962 kaj 2000 la meza ĉeestantaro de niaj tut-landaj eventoj estis pli ol cent homoj. Kongreso en Melburno en 1976 allogis eĉ 189!

De post la unua somerkursaro en International House, SYDNEY, la plej multnombra ĉeestantaro de niaj landaj eventoj (krom la jubilea kongreso en ADELAIDE en 2011) estis proksimume kvarono de cent.

Unu kialo estas, ke nun oni ne plu anoncas eĉ la daton, lokon, kaj kontaktadreson sufiĉe frue. En pasintaj jaroj oni anoncis tiujn detalojn almenaŭ unu jaron antaŭ la evento. La plej legataj kalendaroj aperas tre frue en la jaro, kaj oni devus sendi tiujn bazajn detalojn al la redaktantoj antaŭ la fino de la antaŭa jaro.

Restas, do, nur kelkaj tagoj por sendi tiujn detalojn por la AEA-kongreso de 2012, la AEA-somerkursaro de 2013, kaj la AEA-kongreso de 2013. Kompreneble oni poste aldonos anoncojn en multaj gazetoj, novaĵ-leteroj ktp tra la tuta mondo.

Espereble, la bazaj detaloj aperos en la kalendaroj de Esperanto-Revuo, Heroldo, kaj Esperanto-tur por 2012 antaŭ la fino de decembro 2011. Post-event-informado pri la jubilea AEA-kongreso jam aperis en kelkaj publikaĵoj. Nun ni devas tuj ek-informadi pri la tri eventoj listigitaj supre .

Maxwell Wearing <mwearing@internode.on.net>

Kara Roger,
Mi ĵus ricevis mesagxon de Max kiu skribis ke li ne ricevis numeron 17. Mi kontrolis, ankaŭ mi ne ricevis. Eble neniu ricevis kaj tial ne estis komentoj pri la letero de Gordon. Ĉu vi povos kontroli ĉu okazis ia problemo ĉar mi nun suspektas, ke se mi ne ricevis, se Max ne ricevis, eble neniu ricevis!!!
Amike, Nicole

**Sajne estis fuŝa afero. Mi ricevis kelkajn petojn por ĝi Mi resendis ĝin je 25 decembro Roger**

## Bonajn dezirojn de Kajto




Bondeziroj (klaku) de la Papo en Esperanto
Trovita per Nicole <nicole@cryogenic.net>

En Adelajdo funkcias legogrupo
Kiun Esperanto–libron vi legis laste? Ĉu vi legas multe? Ok adelajdanoj grupe legis ĉi–jare 3 romanojn: *Kvazaŭ ĉio dependus de mi* (T.Steele),

*Flugi kun kakatuoj* (T.Steele) kaj aktuale legata estas *Vualo de l'silento* (Ĝura). La legemuloj renkontiĝadas ĉiuĵaŭde en la Ŝtata Biblioteko de Adelajdo.
Katja Steele <katja.steele@gmail.com>

Jen mia persona versio de la [kvar kandeloj]
Amike Nicole nicole@cryogenic.net

## Vortoj de "Lernu"

REVIZII
1. Oficiale elnombri, kontrolante pri taŭgeco, legitimeco kaj simile:
Oni reviziis ĉiujn pasaĝerojn de la aviadilo.
Policanoj faras revizion de ĉiu alvenanta aŭto.
2. Esplorkontroli, por malkovri eventualajn misojn kaj ilin korekti, interalie:
a) trarigardi prespretajn tekstojn, por malkovri kaj korekti la erarojn:
Li reviziis la tekston kaj forigis ĉiujn informojn, pri kiuj neniu devus scii.
b) reekzameni juĝitan aferon laŭ plendo de unu el partioj pri mankoj en la antaŭa proceso:
Juĝisto faris malĝustan decidon kaj mi petos, ke iu reviziu ĉi tiun juĝaferon.
c) esplori la staton de maŝino, farante la necesajn alĝustigojn kaj riparojn, por ke ĝi perfekte refunkciu:
Mia aŭto ial misfunkcias - necesas revizii ĝin.
Ĉiujara revizio de la aviadiloj postulas multe da mono, sed ĝi estas nepra.
3. Modifi, por adapti al nova situacio:
Nova estraro reviziis la statuton de la organizo.

KONTAKTO
1. Intertuŝo de du objektoj:
Tiu malsano komunikiĝas per kontakto.
Necesas kontaktigi elektrajn dratojn per kontaktilo.
Iu telekontaktis planedon per radaro.
La televidilo malbone funkcias pro miskontakto.
2. Interrilato:
Ni loĝis for unu de la alia, sed tamen restis en la kontakto.
Mi nepre kontaktos vin, kiam mi ekscios ion novan pri tio.
Ŝi kontaktiĝas kun multaj esperantistoj.

KOMENTI
Eldiri sian opinion, siajn argumentojn pri iu eldiraĵo aŭ evento:
La aktoro rifuzis komenti siajn rilatojn kun tiu virino.
Ĉirkaŭe zumis homoj, komentante la okazaĵon.
Ĉiuj komentoj pri la paĝaro estas bonvenaj.
Komentoj en la kodo de la programo helpas al aliaj programistoj kompreni, kiel funkcias la programo.
Tiu komentisto tre bone komentas sportajn eventojn.
Mi forkomentis tiun tekston, por ke uzantoj de la paĝaro ne vidu ĝin.

DIFERENCI
Prezenti malsamajn ecojn rilate al alia samspeca afero:
Ili forte diferencas inter si per la beleco.
Sub tero sklavo kaj sinjoro ne diferencas per valoro.
Mi vidas neniun diferencon inter tiuj du fotoj.
Mi estas tre diferenca de mia frato.
La lingvo havas grandegan rolon en la diferencado de la gentoj.
Infano estas tro malgranda por diferencigi la juston de la maljusto.
Ili mortigis virojn, virinojn, infanojn sendiference.

ALUDI
1. Paroli pri iu aŭ io, ne uzante la propran nomon aŭ vorton, sed iel komprenigante, pri kiu aŭ kio temas:
La ministro aludis la ĵusajn packontraktojn.
Min tute ne interesas tiuj aludoj kontraŭ mi.
2. Nerekte sciigi, subkomprenige averti:
Li neniam aludis al ŝi, ke ŝi estas malbona edzino.
Homoj aludadas, ke li edziĝis je ŝi ĝuste pro la mono.
Por saĝulo sufiĉas aludo.

DIBOĈI
Malmodere manĝi, trinki kaj simile:
Petolu, diboĉu, sed poste sorton ne riproĉu.
La vento diboĉis (furiozis) sur la kampoj.
Diboĉantaj gejunuloj ĝenis la najbarojn.
Tie regis diboĉado kaj drinkado.
Ĉu vi ne intencas ŝanĝi vian diboĉan vivon?
Mi ne volas, ke vi komuniku kun tiuj diboĉuloj, ĉar ili diboĉigas vin!
Li fordiboĉis / tradiboĉis ĉion ĝis la lasta ĉemizo.



SIDNEJA ĜIS HOBARTA KONKURSO

## Vivigu nin. Sendu novaĵon

rspring@tpg.com.au Roger Springer